

# La Amsterdama Katedro

## Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (10) 2/2010, aprilo 2010

---

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 8an de aprilo 2010 kompare kun la versio de la 10a de januaro 2010.

**La ĉefaj projektoj**

**Instr-E** La duasemestra Esperanto-kurso komenciĝis la 2an de februaro 2010. La (bakalaŭra) kurso estas proklamita en http://studiegids.uva.nl/web/sgs/nl/c/7731.html. Finfine registriĝis 15 studentoj. La lekcioj okazas ĉiun mardon inter la 11a kaj 14a horo en la salono C3.05 de la centra konstruaĵo 'Oudemanhuispoort'.
Sekve al la reklamo pri la kurso en la broŝuro *Illustere School* de la Humanisma Fakultato enskribiĝis unu eksteruniversitata studento, kiu tre aktive sekvas la lecionojn.
La kurso daŭros ĝis la 11a de majo kaj la fina kaj ripara ekzamenoj okazos je la 18a kaj 25a de majo. Surbaze de la pasintjaraj spertoj, la kurso estas pli intensiva ol antaŭe kun pli da atento al lingvoteoriaj aspektoj kaj al plena integrigo de la materialo de *Poŝamiko* en la kurson.

**NTU-E** Provizore finiĝis la laboroj pri la projekto pri elnederlandaj pruntaĵoj en Esperanto. Estas preparita 51-paĝa vortlisto por finkontrolo kun la redakta stabo. Kune kun glosaro ĝi cirkulas ankaŭ inter nombro da interesitoj aŭ eventualaj interesitoj en la movado. La definitiva manuskripto devos esti preta komence de junio. NTU havas la intencon publikigi, ĉirkaŭ novembro de tiu ĉi jaro, la retan datenbazon, kiu celos unuavice esploristojn kaj kiu, kiel vivanta dokumento, estos daŭre ĝisdatigata. Samtempe devus aperi libroforma resumo kiel ĝenerala konsultilo, respegulanta la staton de tiu ĉi momento. En ambaŭ dokumentoj aperos Esperanto kiel egala partnero inter dekoj da lingvoj, kiuj rekte aŭ nerekte pruntis el la nederlanda.

**Daŭre atentindaj**

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

**Aktualaĵoj**

- La 26an de januaro la studentino Jessica George magistriĝis pri tipologia temo, kiu koncernis la distribuon de demonstrativoj en dudeko da lingvoj. La tre helpa uzo de la Esperantaj tabelvortoj por komprenigi la sistemon en la eŭska lingvo enirigis WJ en la ekzamenan komisionon.

- La konata franca esperantisto Marc Bavant, inĝeniero kaj diplomito pri interlingvistiko ĉe la Universitato de Poznań, estis akceptita de UvA por ekprepari doktorigan disertacion pri ĝenerallingvistika (ne-Esperanta) temo sub la gvidado de prof-o Kees Hengeveld, kuratoro de nia katedro. WJ membros en la doktoriga komisiono. Kunordiga kunveno kun Marc Bavant okazis en Amsterdamo la 29an de januaro.

- La magistra studentino Rosa Gunsing, kiu en sia bakalaŭra fazo ekzameniĝis pri interlingvistiko kaj pri Esperanto, verkis eseon pri unu detalo en la Esperanto-gramatiko (la artikolo) laŭ la vidpunkto de la genera gramatiko. Pri la Esperantaj aspektoj mentoris ŝin WJ. La 29an de januaro ŝi partoprenis en t.n. 'Afiŝo-Festivalo' de la magistraj kandidatoj pri lingvistiko per afiŝo, kiu resumis kelkajn rezultojn de ŝia laboro (vidu paĝon 4 por foto).

- La 2an de februaro, helpe al la konservisto de la universitata biblioteko, WJ revuis la ĵus liveritan Veenendaal-kolekton kaj rekomendis por akcepto krude 95% el la tuta kolekto, ĉefe pro ties literatura valoro kaj pro la fakto ke la biblioteko posedas la anglalingvan literaturan enciklopedion de Geoffrey Sutton kiel vojmontrilon en la kampo. Jenajn verkojn trafis rekomendo pri neakcepto pro (tre) malbona stato: *Vortoj de Lanti* (plena de manskribaj notoj), *Vivendo* (akvomakuloj), *Ombroj de la kvara dimensio*, *Esperanta Antologio 1887-1957* (malfiksiĝintaj paĝoj), *Nederlanda-Esperanta vortaro* de Van Straaten (kiu, krome, aperas en preskaŭ ĉiuj heredaĵoj kaj postlasaĵoj), *Paŝoj al Plena Posedo* (plena de manskribaj notoj), *Mia poezio* de San Millán Alonso, *En Ĉinio batalanta*, *Reeĥoj* (sen kovrilo); pro pamfleteco, malaktualeco aŭ nerileveco: *Skize pri E-teatro 1887-1987*, *UK-oj kaj E-teatro*, *Trans la son-izolan muron*. La Universitato kontrolos la jaman ĉeeston de titoloj kaj fine decidos pri la (ne)akcepto de ĉiu titolo surbaze de siaj kriterioj.

- La studentino Manon Fleur, kiu en antaŭa jaro finis la kurson pri interlingvistiko, anoncis, ke ŝi verkos sian bakalaŭran disertacion pri lingvopolitika temo, kiu traktos Esperanton. Novaĵoj estas atendataj en la momento de verkado de tiu ĉi Letero.

- La 28an de majo la Babela Esplorgrupo de la universitato organizos Esperanto-duontagon. Kutime la grupo kunvenas por pli mallongaj sesioj, sed ĉi-foje la grupestro proponis dediĉi kompletan posttagmezon al la temo 'Esperanto', invitante tri membrojn

de la grupo (Hans Erasmus, Nikola Rasič kaj WJ) prelegi pri iu aspekto de la lingvo aŭ kulturo.

- La kurslibro pri interlingvistiko, kiu maturiĝis de jaro al jaro kaj kiu estis vaste diskutata dum la CED/ESF-konferenco en 2008, estis prezentita al du profesiaj eldonejoj en Nederlando. La celo estis konsideri ĝian konverteblon en komercan eldonaĵon. Ambaŭ eldonejoj montris sin tre interesitaj, sed konsideris la nederlandlingvan merkaton tro malgranda por ĉi tia tasko.

- Estas preparata artikolo pri nederlandaj pruntaĵoj en Esperanto por faklibro. La manus-kripto estas prezentota al la redakcio antaŭ la jarfino.

- Estas preparata artikolo, kiu prenas Esperanton kiel ekzemplan lingvon por studi la graviĝantan fenomenon 'travideblo' (*transparency*) laŭ la perspektivo de la Funkcia Gramatiko. Post iom da tempo, malneto estos proponita al kelkaj fakuloj universitataj kaj movadaj por diskutado pri la uzata metodologio.

**Publikigoj**

- *Het Parool* publikigis la 16an de januaro ampleksan artikolon sub la titolo *Het nut van Esperanto* 'La utilo de Esperanto', kiun verkis la intervjuinto surbaze de konversacio surbendigita okaze de la tiutempe okazonta inaŭgura parolado. La teksto estis resume reprenita en la februara numero de la ĉiumonata bulteno (*Nieuwsbrief*) de la Humanisma Fakultato.

- Trovebla sub http://riviste.unimi.it/index.php/inkoj/ estas pliampleksigita versio de la teksto de la inaŭgura parolado, kiu okazis la 4an de septembro pasintjare. La donata retligo sendas la leganton al nova (ĉefe interreta) fakrevuo pri interlingvistiko, eldonata de la Universitato de Milano. La ĉi tie publikigita teksto estas dulingva kaj enhavas la aŭtoritatan Esperantlingvan version de la nederlanda originalo (ambaŭ, tamen, iom pli-ampleksigitaj kompare kun la teksto de la 4a de septembro 2009).

**Recenzoj**

Pri la nederlandlingva disertacio *Woordvolgorde in het Esperanto* (La vortordo en Esperanto) aperis recenzo en *Language Problems and Language Planning* 33:1 (2009), p. 81-86.

Pri la verko *Naturaj vortordoj en Esperanto* aperis recenzo en *Esperanto* 1231 (12), p. 256.

WJansen

Wim Jansen,
la 8an de aprilo 2010



# A generative approach to the DP in Esperanto



**Author: A.B. Gunsing, 5617863**
**Course: Generative Grammar**
**Teacher: Dr E.O. Aboh**
**RMA Linguistics**
**University of Amsterdam**
**29 January 2010**

## *I Esperanto*

constructed language
invented in 1887
by Ludwik Lejzer Zamenhof
spoken by about 2 million people
based on Romance (80%), Germanic (10%), Greek (5%) and Slavic (5%)
agglutinative language




## *II Assumptions*

Nouns as such refer to kinds (individual concepts of sort) (Chierchia, 1998, p.341; Longobardi, 1994, p. 647).

Determiners are quantificational devices that establish the specific designation of the whole NP (Chierchia, 1998, p. 353; Longobardi, 1994, p. 648).

Therefore nouns that do not refer to kinds need a D.

## *III Adjectives*

granda domo
grand-a dom-o
big-ADJ house-N
'big house'
(Wennegren, 2008, 5.1)

domo granda
dom-o grand-a
house-N big-ADJ
'big house'
(Wennegren, 2008, 5.1)

→ N is allowed to move

## *IV Articles*

* definite article *la*

* no indefinite article

* the indefinite is used when the hearer is not familiar with the entity referred to, or when its identity does not matter



## *V Definite versus indefinite*

La multaj gastoj restis ĝis noktomezo
mult-a-j gast-o-j rest-is nokt-o-mez-o
DEF ART many-ADJ-PL guest-N-PL stay-PST until night-N-middle-N
'The many guests stayed until midnight'
(Wennergren, 2008, 9.1.2)

Venis multaj gastoj al via festo, ĉu ne?
ven-is mult-a-j gast-o-j vi-a fest-o
Come-PST many-ADJ-PL guest-N-PL DAT 2SG-GEN party-N Q NEG?
'Many guests came to your party, did they not?'
(Wenergren, 2008, 9.1.2)

→ Esperanto has a null D for specific indefinites
N moves to D to check the feature [+spec]

## *VI Generic versus categorical*

La kato preferas varman klimaton.
kat-o prefer-as varm-a-n klimat-o-n
DEF ART cat-N prefer-PRS warm-ADJ-ACC climate-N-ACC
'Cats prefer warm climates.'
(Wennergren, 2008, 9.1.4)

→ Expletive article, no substantive semantic content whatsoever
Necessary because raising the noun in Esperanto would yield a specific reading

Kato preferas varman klimaton.
kat-o prefer-as varm-a-n klimat-o-n
cat-N prefer-PRS warm-ADJ-ACC climate-N-ACC
'A cat prefers warm climates.'
(Wennergren, 2008, 9.1.4)

→ No D at all, because bare noun refers to a kind




## *VII Proper Names*

Parizo
'Paris'

la Parizo de 1900
Pariz-o
DEF ART Paris-N GEN 1900
'1900's Paris'
(Wennegren, 2008, 9.1.6)

→ Esperanto has a null D for proper names
N moves to D to check the features [+spec] and [+def]
N position is left uninterpreted, so proper name has no kind-referring content at all, but refers directly to the individual